# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**

**PLENUMITA 12/07/2018 Tricentokdekdua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

## Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj

**PMEGramatilko* *Uzindaj ligoj* *Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon.* *reta-vortaro* * *Freelang Vortaro* * *Plena Ilustrita Vortaro* * *Esperanta Retradio* * *Google Translate* * *Pasintaj eldonoj* *

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,750,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol **1,360,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol **385,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol **4,400** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

### N.ro 36 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



Ankaŭ la Komplementojn de Participo PAG nomas Suplementoj, ekz. "Ŝi estis atakanta la knabeton el sur sia biciklo". Ankaŭ ĉi tiujn Komplementojn mi nomus "Suborda Objekto" resp. "Suborda Adjekto". Cetere nur la Radiko de la Participo estas Verba, sed rajtas ĉehavi siajn Komplementojn same kiel (neparticipaj) Adjektivoj kun ekz. "-ebla": "La sendanĝere por infanetoj manĝebla frukto", kiujn komplementojn mi same nomus "Subordaj Adjektoj".




P.A.G. avertas ke la Participaj Substantivoj ne povas ĉehavi komplementojn ĉe la verba radiko, kvankam kelkaj famaj verkistoj (i. a. Grabovski) faris tion. Do sekvu tiun bonan konsilon de P.A.G. kaj ne uzu ekz. "La tre rapide naĝanto" nek "La fiŝojn manĝantoj" . Diru "La tre rapida naĝanto" kaj "La fiŝojn manĝantaj homoj" aŭ, se temas pri kutimo, "la fiŝmanĝantoj". Alie la lingvo fariĝus tro komplika kaj tro labirinta.

(daŭrigota) *Marcel Leereveld.*





# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 7a de Julio estis la unua sabato kaj venis la kutimaj Roger Springer, Micheal Peters, John Casey, Eunice Graham, Ian Wylles kaj Mei Springer. Tre amikema Esperanta grupo.

*Roger Springer*



# M a l l i b e r e j a j   Ĝ a r d e n o j .



**MALLIBEREJOJ. ĈU PERDO DA TEMPO?**

Ĵusece mi vizitis malliberejon por mezkrimaj viroj, kaj miris pri la granda perdo da tempo kaj pri la granda perdo da muskolopovo kaj pri la granda perdo da menspovo. Teorie la krimuloj bezonas fari nur la jenajn taskojn: dormi, purigi sian ĉambreton, iomete korpekzerci, feki, urini, manĝi kaj trinki. Kia perdo da tempo kaj da kapablo kaj da nia mono. Ĉar la malliberejoj tute financatas de registara mono, do de nia mono sed ne de la mono de la politikistoj kiuj ja ricevas tro altan salajron kiun ili ne meritas. Mi ne havas ĉiujn solvojn, kaj mi ne volas perforti la krimulojn utile labori, sed devas ekzisti eblo aranĝi utilan laboron por ili, kontraŭ kio ili ricevas salajron.

Pensante pri tio, envenis en mian menson la ideo, ke ni ne bezonas homojn por utila laboro, ĉar jam estas tro multe da senlabioruloj kaj tro multe da homoj kiuj ne povas trovi laboron, ĉar ne ekzistas sufiĉe da laboro necesa. Do kion la registaro faru? Ĉu krei nenecesan laboron por nenecesaj artikloj kaj servoj? Sed eble la malgrandaj, kaj certe la grandaj kompanioj bezonas la senlaborecon, por malalten premi la salajrojn. Parte ĉar kompanioj en aliaj landoj bezonas la senlaborecon por malsupren premi la salajrojn. Tiel la ekonomio estas en sensolva problemo, en senfina cirklo. Ĉu pro nia manko de inteligento ni ne havas ekonomiajn spertulojn kiuj kapablas solvi tiun problemon? Sen diktaroreco, sen devigi la homojn fari certan laboron? La ekonomoj, ja ne sufiĉe inteligentaj, diros ke en nia ekonomia sistemo ni ne povas solvi la problemon de senlaboreco. Se tio estas vera, kaj mi dubas, la solvo estas iomete ŝanĝi la ekonomian sistemon. Kelkaj el vi diros, ke ni ne kapablas fari tion, sed mi opinias, ke se oni povas sendi homojn al la luno oni anstataŭe povus solvi la senlaborecon. Cetere pluraj socioj jam solvis tiun problemon, zorgante ke ĉiuj homoj havu la saman laborparton en la socio kaj la saman salajron. La rezulto estos, ke ĉiuj ricevas malpli altan salajron, ĉar oni laboros nur kelkajn horojn tage. Evidente ni ne bezonas labori ok horojn tage, ĉar tri aŭ kvar sufiĉas por krei ĉion kion ni bezonas kaj normale deziras. Se la politikistoj kiujn vi elektis promesis fari tiun inteligentan taskon: trovi laboron por ĉiuj, tio solvos la problemon.

Sed eble vi diros: Jes, sed ekzistas laboroj kiujn neniu deziras fari. Do lasu ilin labori malpli longe por la meza salajro. Krome ni ja ricevos pli bonajn kuracistojn kaj profesorojn ĉar anstataŭ ol ricevi mezaĉajn kuracistojn kiuj faras tiun laboron nur aŭ precipe pro la altaj salajroj, faros tiun laboron precipe ĉar ili amas tiun laboron anstataŭ ĝian altan salajron. Ni do

havos pli bonajn ĥirurgojn kaj profesorojn ĉar nur tiuj kiuj amas sian laboron kaj tial faros pli bonan taskon, studos por kuracado k.t.p. Kiel instruisto de matrikuladoklasoj mi ofte demandis, per verkaĵoj, kial ili deziras studi por kuracisto, kaj naŭ el dek diris ke estas pro la alta salajro. Do tiuj kandidatoj estas la malĝustaj por la laboro. Kaj ne diru ke la studistoj kiuj interesiĝas pli pri la mono ol pri la fako estos pli inteligentaj. Ne, ili estas nur pli egoismaj. La kuracspecialistoj kiujn mi renkontis ofte estis pli malbonaj ĥirurgiistoj ol estus ordinaraj kuracistoj.

*Marcel Leereveld.*

**VORTFARADO EN ESPERANTO**.

Ekzistas tri manieroj por en Esperanto krei novajn vortojn. Novajn vortojn oni bezonas precipe por novaj teĥnikaj inventoj kaj por novaj kulturaĵoj el neeŭropaj landoj. Plej ofte tiuj novaj vortoj aperas en eŭropa lingvo antaŭ ol transprenati de Esperanto. La tri manieroj por krei novan vorton estas la jenaj.

**1)**. Oni adaptas la, plej ofte eŭropan, formon de la nova ne-Esperanta vorto al la Esperanta literumado, evitante krei novan vorton egalforman al jam en nia lingvo ekzistanta, oficiala, vorto. Plej ofte temas pri angla aŭ franca vorto. Ĉi tiu maniero krei novajn vortojn aplikatas de la nekompetentaj aŭ mallaboremaj verkistoj. Anstataŭ serĉi ĉu kunmetita vorto jam haveblas, aŭ mem krei tian oficialan vorton, ili polucias la lingvon per nebezonataj neoficialaj neologismoj, plejparte eŭropecaj. Ili kreas specon de *Basic-European* de eŭropaj vortoj kun Esperanta gramatiko. Por anstataŭe teni Esperanton pli internacia, ni serĉu fari novan vorton per la kunmetado de jam oficialaj radikoj. Redaktistoj de gazetoj, ĝenerale ne sufiĉe kleraj pri Esperanto, simple kopias kaj allasas tiajn poluciajn neologismojn. Eĉ tre kleraj sed ne sufiĉe kleraj verkistoj de tempo al tempo transprenas sklave kaj mallaboreme tiajn neologismojn. Bonŝance ekzistas grupo de kompetentaj Esperantistoj, sub la gvido de Renato Corsetti, kiu grupo kolektive proponadas Esperantajn vortojn, plejparte kunmetaĵojn, al la mondo, sed ilia tasko estas temporaba.

**2)**. En malmultaj, sed tamen sukcesaj kazoj, oni povas krei novan vorton per la simpla ŝanĝo de la kategoria finajo al alia kategoria finaĵo, ekz. “Vintras nun en suda Aŭstralio”.

Uzi prefiksojn kaj sufiksojn ne apartenas al ĉi tiu klaso de vortfarado. Ĝi apartenas al la tria maniero, ĉar en Esperanto afikso traktatu, ankaŭ laŭ Zamenhof, kiel normala radiko.

**3)**. Kunmeti du aŭ pli da oficialaj radikoj estas la plej vasta maniero, kaj tipa por Esperanto. La uzado de ĉi tiu maniero kaŭzas, ke Esperanto malpli aspektas kiel eŭropa lingvo sed tamen ne malhelpas la facilan kaj rapidan komprenon ante Esperanton. La maniero estas simpla: kunglui du radikojn en unu vorton tiel ke la dueco ne videblas pro signifohavaj “infiksoj” aŭ signiloj (streketo, ĉeflitero, kategoria aŭ alia finaĵo, interspaco). Se la kunmetaĵo konsistas el du elementoj, la lasta antaŭ la finaĵo estas la ĉefelemento, kaj la unua elemento estas la flankelemento, ekz. “tablotuko” estas tuko kaj ne tablo. La flankelemento funkcias kiel komplemento ĉe la ĉefelemento por formi la novan nedivideblan signifon. La diferenco estas ke ĉe la kunmetita vorto ekzistas nur unu nova signifo, dum ĉe la analiza formo, “la tuko por la tablo”, temas pri du apartaj signifoj. Notu ke preskaŭ ĉiuj eŭropaj lingvoj faras tiun

diferencon inter unu signifo (ekz. france "*Les fromages de Hollande*" kaj du signifoj kombinitaj ("*Les fromages* (venant) de la Hollande"). *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Komentoj pri artikoloj en AE381



Mi trovis la filmeton pri Esperanto kaj Duolingo ege bona. Dankon, Nicole.

Pri Hejminstruado: Marcel, ĉu ne mankis al vi kunesto kun aliaj geetuloj? Ankaŭ mi ne ĉeestis lernejon ĝis post mia 6a jaro, sed de tiam mi ĝojege frekventis, lernis, ludis, amikiĝis. Fakte, la kristnaska kaj aliaj libertempoj estis por mi tedaj. Sur la okcidentaj orkampoj (*Kalgoorlie/Boulder*) la somero estas treege varma, kaj unu el miaj taskoj estis ĉiutage per tubo akvumi la ĝardenon. Tion mi faris ĝis mi foriris al UWA,18 jaraĝa. Ĉar ankaŭ la akvumado iom tedis, mi dume kantis kaj deklamis al mi poemetojn. Do, Marcel, ankaŭ por mi la ĝardeno elvokas feliĉajn memorojn. :) *Vera Payne*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Adelajdo



La 4-an de julio kunvenis en la kutima kunvenejo de adelajdanoj, Box Factory, 12 esperantistoj. La ĉefa temo estis "Kion vi manĝas?" prezentita el la vidpunkto de vegano Benno Lang. Lia tre bone preparita prelego estis konvinka kaj certe pensiga. *Katja Steele*



Jen bildo de mi ĉe nia sukcesa kunveno en la Skatolfabriko hieraŭ!

Plejege amikege, *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Novaĵservo Ret-Info / Lingvo-Studio***

# MONDA PREMIERO DE OPERO EN ESPERANTO EN ĈEHA NACIA TEATRO!



La 7-an de aprilo okazis eksterordinara afero, monda premiero de Esperantlingva opero "Sternenhoch" en la Nacia Teatro de Prago!

Temas pri opero, kies muziko estis komponita rekte laŭ teksto en Esperanto, farita de Miroslav Malovec. Muzikon kaj libreton komponis juna komponisto Ivan Acher. La opero havis surprize grandan sukceson, ne nur de spektantoj sed ankaŭ de kantistoj, kiuj diris, ke Esperanton ili taksas kiel ideala lingvo por opero. Okazis 5 spektakloj kaj ĉiuj estis tute disvenditaj tuj post ĝia premiero - dum la tempo de unu semajno! Eĉ je du monatoj antaŭ la lasta spektaklo oni ne povis aĉeti biletojn.

Pavel Pavliĉek, gvidanto de la filmo-retejo Verda Stacio havis la eblon videoregistri la tutan spektaklon por arkivo. Bedaŭrinde oni rajtas publikigi nur mallongajn fragmentojn, eĉ tiujn nur post la permeso de la Teatro.

Fragmento, la lasta minuto de la opero, la 24-an de junio 2018 en Nacia Teatro en Prago: https://www.youtube.com/watch?v=ZfSmjGuNH1I

Pliajn detalojn vi povas legi en la samtema afiŝo en la fejsbuka paĝo de Ret-Info.

---------

*Ret-Info Lingvo-Studio, LS* http://www.eventoj.hu *informas AE-on Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Karaj samideanoj,
tute hazarde mi trovis vian pdf-dokumenton en la reto:
http://aea.esperanto.org.au/ftp-uploads/AE-329.pdf
Mi ĝojas, ke vi tie traktis mian etan broŝuron sub la titolo "Unu lerneja leciono pri Esperanto!"
Intertempe la broŝuro estas ankaŭ legebla en la itala lingvo, do entute en 6 lingvoj. Por via informo jen la aktuala retadreso por tiu projekto: http://esperanto-klaus.de/
Krome mi skribis broŝuron por infanĝardenoj/antaŭlernejoj, legebla en la germana, la itala kaj ankaŭ en Esperanto.
Se vi havas tempon, 'vizitu' miajn paĝojn kaj trafoliumu ilin.
Tie vi interalie trovos mian e-libron 'Esperanto en la kosmo'




.**Scienc-fikcia rakonto** (por 9 ĝis 99-jaruloj)

Amuza legado kompilita el la tri noveloj

Esperanto en la kosmo 1.1-3.1 reviziita kaj iomete mallongigita ĉ. 20000 vortoj **por legi la libro kontrol/klaku pdf** aŭ **epub** Kore salutas vin Klaus Friese el fora Hamburgo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Por UN




**Informiloj** Legu ĝin en la reto http://www.esperantoporun.org/informiloj/

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

*Peter Danzer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 14 En kiu mi dungatas de la registaro kvara ero



Do tie ni laboris. Ni prigardis kaj kontrolis multajn vendejojn kaj malgrandajn firmaojn en Vesterbrogade. Same en Frederiksberg Allé. Tion la reĝoj ne sciis fari !

En Vesterbrogade estis grandega aŭtomobilriparejo. Tien ni devis iri. Mi devas nun konfesi, ke mi neniam mem lernis vojtrovi min en tiu grandega loko. Subite la firmao decidis dungi nin, kaj mi nur eniris kaj ĉirkaŭvagis, ĝis mi iom post iom familiariĝis kun la loko. Do nun estis mia vico instrui aliiun kiel plej efike deĵori tie.

Jam antaŭe, dum ni trairis kelkajn ĝardenojn apud Frederiksberg Have, kaj telefonis al unu el niaj estroj, raportante, ke ĉio estas bona ĉe ni, li diris, ke iu alia estro, fakte la plej malsimpatia el ili ĉiuj, intencas renkonti nin en la aŭtomobilriparejo por vidi ion en la rezervopartejo.

Do, ni iris renkonti lin. Li volis tuj vidi la rezervaĵojn, kaj mi devis konfesi, ke mi tute ne scias la vojon al tiu loko, sed ke, se li volas akompani nin tra la laborejo laŭ la vojo, kiun mi ĉiam iras, ni venos al ĝi proksimume je la fino de la irado.

Bone, li konsentis. Li ekmarŝis rigardante la aŭtojn lasitajn kun la lumo funkcianta. Mi estis alkutimiĝinta al tio, sed li postulis, ke mi malŝaltu ĉiujn lumojn en la aŭtoj. Nu, ne estis facile por mi fari tion, ĉar mi mem ne havis aŭton. Li devis do mem klini sin kaj enrigardi en la aŭtojn, kaj mi povas diri al vi, ke li ne estis homo, al kiu plaĉas klini sin.

Feliĉe li fine decidis foriri. Mi kaj mia lernanto iris al iu banko por manĝi kaj ripozi. Bedaŭrinde nia ripozo fariĝis iom tro longa, kaj ni ne havis tempon sufiĉan por fini ĉiujn niajn rondojn.

Laborante por la registaro mi ĉiam post la dua nokto telefonis al la eksmarsoldatoficiro demandante, ĉu estos iom da laboro hodiaŭ en la nokto. Ĉiam li diris al mi, ke ne. Nu, kompreneble ili ne bezonas min, kaj mi fakte preferas dormi en mia lito ktp. do mi ne pensis multon pri tio. Sed iun matenon, kiam mi telefonis al ili, iu pli alta estro respondis min. Li tre surpriziĝis, "ĉu vi ne scias ?" li demandis, "vi estas maldungita !" "Neniu rakontis tion al mi", mi respondis, do mi devos reveni al vi kun mia uniformo, ĉu ne ?" "Jes, faru tion !" li respondis.

Audrey kaj mi iris tien iun libertagon kun la uniformo. En la depoto oni tre bedaŭris, ke mi estis maldungita. "Tio ne gravas" diris mi, "mi havas nuntempe multe pli bonan laboron".

*Daŭrigota* *BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# LA HOMARANISMO DE ZAMENHOF, M Leereveld, AE381

Mi esperas ke vi bone fartas kara Marcel kaj ke la vintro en Melburno ne tro ĝenas vin. Via ĝardeno en Belgrave pensigas al mi pri la ĝardeno kiun Abdul Baha priskribas jene.

(Ofte Nicole kaj Roger aperigas la komentojn de tiu ĉi amatoro)

En sia artikolo titolita LA HOMARANISMO DE ZAMENHOF Marcel pesimismas pri ĉiuj kredoj ĉar 'en la historio ni vidas, ke ĉiuj religioj kaj idealoj komenciĝas kun bonaj intencoj kaj belaj vortoj, sed dum la forpaso de la tempo ili ŝanĝiĝas kaj la adeptoj aplikas siajn bonajn idealojn nur en vortoj.' Simile Abdul Bara diras: "En la komenco la arbo estis en sia tuta beleco, kaj plena de floroj kaj fruktoj, sed poste ĝi maljuniĝis kaj senfruktiĝis, ĝi velkis kaj sekiĝis. Pro tio la Vera Ĝardenisto plantas denove senkomparan junan arbon de la sama gento kaj speco, kiu kreskas kaj disvolviĝas tagon post tago, vaste ombrigas la dian ĝardenon kaj kreskigas mirindajn fruktojn. Same estas kun la religioj; kiam la tempo pasas, ili deflankiĝas de sia originala fundamento, la vero de la religio de Dio tute malaperas, kaj ĝia spirito ne restas plu en ĝi; naskiĝas herezoj, kaj ĝi iĝas korpo sen animo. Pro ĉi tio ĝi estas renovigata." (Vd. http://klausjames.tripod.com/respondoj3.html ĉapitro 43, verso 10, esperantigis Lidia Zamenhof.)

PS Nur en tiu senco laŭ la dua difino en PIV de la verbo 'batali' Marcel skribas ĝuste, mi opinias: "poranglolingvaj bahaanoj 'batalas' kontraŭ siaj Esperantaj kunmembroj." PIV: "Peni por superi aŭ forigi kontraŭaĵon." Kvankam miaj artikoloj forte kritikas bahaajn estrojn ĝuste pro tio ke ili ignoras Esperanton kaj la principon de universala helpilo kaj rifuzas konsulti pri sia devo studi la zamenhofan lingvon kaj pri ĉi ĉio intence aŭ malintence ili malobeas centran figuron de bahaismo mi ankoraŭ ilin amas kaj 'batalas' kun ili nur en miaj artikoloj. Vid-al-vide mi malbatale kritikas en pli mildaj vortoj por ke unueco kaj amo regu.



Amike *Paulo Desailly*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## .*Lernado de fremda lingvo postulas*

| | |
|---|---|
| *Lernu legi la skribitan lingvon. Ofte ĝi ne agordiĝas kun la parolata lingvo...* | ..Fonetike senescepta |
| *Lernu la gramatikon. Ofte ĝi estas plena da esceptoj al la reguloj..............* | ..17senesceptaj reguloj |
| *Lernu vortliston taŭgan por via espera uzo...........................................* | ..Kunmetitaj vortoj |
| *Lernu la standardan prononcon. Ofte ne agordas kun la parolata lingvo..* | ..Unu prononco |
| *Lernu la lokan parolatan lingvon.........................................................* | ..Ne ekzistas |
| *Lernu la ĉiutagan mallongigitan parolatan lingvon................................* | ..Ne ekzistas |
| *Lernu la idiomojn de la lingvo ...........................................................* | ..Ne ekzistas |
| *Lernu kiel kompreni la parolatajn respondojn al viaj demandoj.............* | ..Unu monda lingvo |

**Komparu Esperanton** (kolumno dekstra)

*Roger Springer Ĉu vi povus pli bonigi tiun tabelon?* rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Bedaŭre Profesoro Ronald Gates mortis je la 26a de aprilo 2018*